# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 22/02/2014 Cent kvindek tria eldono 22/02/2014** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**




SENDATA AL 273 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Plibonigu la kvaliton de via E-parolado, elsendo de la 15a de feb.

https://soundcloud.com/peranto/plibonigi-la-kvaliton-de-e



Kiam mi en la jaro 1998 ekhavis la ideon pri la Esperanta Retradio, mi kredis ke la tiam nova ebleco oferti sondokumentojn en la interreto por tutmonda elŝuto kaj aŭskulto estas signifa noviĝo por la progresigo de Esperanto. Ĝis tiam ja nur ŝtataj radiostacioj elsendis en Esperanto kio ja limigis la spektron de temoj resp. lasis grandajn truojn en la kontribuado de la diversaj mondaj regionoj.

De nun - mi pensis tiam - ĉiu E-grupo kaj eĉ individuoj povas aŭdigi siajn voĉojn je forgesinde malaltaj kostoj. Kaj mi pensis ke eblas raporti pri plej diversaj E-aranĝoj kaj aŭdigi la voĉojn de partoprenantoj. Mi ankaŭ skribis al organizantoj de tiaj aranĝoj kaj al diversaj E-grupoj ekz. en Germanio. La eĥo estis nula. Mi mem produktis kelkajn sondosierojn, ekz. mi intervjuis partoprenantojn de la Internacia Festivalo en Germanio jarfine, sed mi ne havis la intencon ĉion fari mem.

Sekve mia vizito ĉe Pola Radio dum oktobro de la sama jaro iom savis mian ideon, ĉar mi komencis registri la satelitajn elsendojn de Pola Radio en Esperanto kaj mi enretigis ilin por

aŭdigi ilin en la tuta mondo. Tio ja signifis por Pola Radio pligrandigon de la aŭskultantaro ĉar la satelitaj elsendoj estis kapteblaj nur en Eŭropo. Tiel nun ankaŭ eblis aŭskulti programojn de Pola Radio ekzemple en Norda Ameriko aŭ en Japanio.

Tiun agadon - estis regule du elsendoj ĉiusemajne - mi daŭrigis dum ses jaroj, ĝis unuflanke Pola Radio mem enretigis siajn elsendojn kaj aliflanke aperis alia enretiganto de tiuj elsendoj. Dum tiu tempo ja aperis aliaj retradioj, ekz. "Radio Saluton" el Hispanio aŭ "Radio Verda" el Kanado. Sed kompare al miaj imagoj kaj esperoj pri la burĝonado de retradioj, en Eŭropo tiurilate nenio okazis.

En la jaro 2005 kaj poste mi eksperimentis pri la produktado de filmetoj kaj esperis tiam interesigi homojn kiuj ŝatus aperi en filmetoj por tie paroli en Esperanto, sed ankaŭ tio ne vere progresis. Mi ja produktis kaj kolektis kelkajn filmetojn (ili estas ankoraŭ troveblaj en mia retpaĝaro), sed nur jen kaj jen kelkaj junaj esperantistoj kuraĝis produkti filmetojn. Kune kun germana esperantisto mi produktis 80 (!) t. n. vikifilmetojn en kiuj mi parolis la tekstojn el Vikipedio. La statistikoj de Jutubo ja montris viglan intereson de la spektantoj, sed tio ne instigis aliajn esperantistojn fari ion similan.

Kiam komence de la jaro 2011 Pola Radio ĉesis elsendi en Esperanto, mi decidis reaktivigi mian malnovan ideon pri Esperanta Retradio kaj komencis disaŭdigadon de ĉiutage novaj sondosieroj kun la celo disponigi interesan materialon por allogi la homojn al la aŭskultado en Esperanto kaj por tiel kontribui al pli bona regado de la lingvo. Mi konsciis ke tio estas projekto kiu postulas multe da persistado kaj grandan paciencon pri la sukceso.

Mi nun ofte spektas jutubajn filmetojn kun raportoj pri diversaj kongresoj kaj aliaj E-aranĝoj. Mi atentas pri la paroladoj en Esperanto. Sed ofte estas nur muziko aŭ la paroladoj estas tre malbone aŭdeblaj aŭ la parolantoj parolas Esperanton ne sufiĉe bone.

Resume mi povas diri ke la situacio rilate al publika parolado de Esperanto en kongresoj estas mizera. Estas nur tre malmultaj esperantistoj kiuj kapablas kaj kuraĝas paroli publike. Sed por la kreskado de la lingvo nepre gravas ankaŭ la kvalita faktoro. Do la E-movado havas ne nur kvantan problemon (ŝrumpantaj membronombroj de la E-asocioj), sed ankaŭ kvalitan. Kaj laŭ mi la plibonigo de la kvalita situacio estas pli urĝa ol la kvanta problemo.

Mi tial povas nur alvoki ĉiun esperantiston kiu sentas sin kapabla aktiviĝi koncerne publikan paroladon de Esperanto. Tio povas okazi en E-kluboj, en kongresoj aŭ en la interreto. Vi povas fari vian propran retradion aŭ vi povas kunlabori en la Esperanta Retradio. Gravas nur ke vi agu tiurilate.

La Esperanta Retradio daŭre aktivos en la plenumado de tiu tasko.

## Ctrl+alklaku la ligon, kaj aŭskultu



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenis Sabaton la 15an de Feb. 10atm

Venis Roger, Eunice, John, Ian, Chris.



# Esperanto-Domo Sidnejo

Anoj kunvenis Dimanĉon la 16an de Februaro, 12tm

Venis Roger, Mei, Margaret, Dmitry, Robert, Nicole, Steve, Richard kaj per Skype Jonathan.

# Central Coast Esperanto Club

Anoj kunvenas la duan dimanĉon de ĉiu monato 2ptm

Bamboo Buddha Café 221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250



La Centra Marborda Klubo kunsidis dimanĉon la 9-an de Februaro ĉe kafejo Buddha, Ourimbah.

Ĉeestis Julie, Amy, Rainer (el Germanujo), Jonathan, Gerry kaj Jo.

Ni aŭdis raportojn pri la AEA jarkunveno kaj somerkursaro en Kanbero kaj detalojn pri la tutmonda filmkonkurso kiun Rainer organizis pasintjare.

Amike, Gerry Phelan.




# La aŭtobiografio de Trevor Steele

nun aĉeteblas, tamen nur kiel pdf aŭ e-libro.

Papera versio haveblos nur poste.

http://www.retbutiko.net/eo/ero/kamuf

Kelkaj paĝoj estas senpage elŝuteblaj.

Amike, Nicole



# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

**2014-02-20 - AEA raportas:**

Nian lastan Skype estrarkunvenon (20/02/2014) ĉeestis Esther, Indrani, Jonathan,

Kam Lee, Margaret kaj Sandor

Dum la plej longa parto ni diskutis la
* **PROPONON STARIGI ESPERANTO-TV**
Richard Delamore, Tim Stackpool kaj Dmitry prezentis siajn proponojn pri Esperanto-TV.
Ili bone klarigis la evoluon kaj celon de EsperantoTV.
Ni diskutis kaj esploris la proponon uzi ĉambron en Esperanto-Domo kaj ni konsentis ke estus bone kaj ke la projekto povus vigligi la Esperanto-movadon en Aŭstralio.
Ni ankoraŭ atendas la oficialan konsenton de EFNSK.

* **VENONTA KONGRESO EN 2015**
Ni komencis serĉi taŭgan lokon en Novkastelo (Newcastle).
Esther esploris kelkajn lokojn, ekz. la "Hunter Valley Hotel Academy",.. sed ĝi ne tute taŭgas… Ni daŭrigas niajn esplorojn kaj esperas trovi kongresejon baldaŭ.
Bv helpi, se vi havas ideojn kaj proponojn

* **RETEJO**
Ni bedaŭras ke Jim demisiis de la estraro. Ni sendis leteron kaj dankis lin por lia valora laboro por nia nova retejo kaj por AEA dum la lastaj du jaroj kaj ni tre esperas ke li restos en la Aŭstralia Esperanto-mondo.

Esther, Kam Lee, Indrani, Jonathan, Margaret, Sandor

---

Kial la raportoj de AEA ne enhavas financajn informojn kiel la raportoj de EFNSK?
Ĉu la nova estraro subtenas la sekretecon de la antaŭa estraro pri financaj aferoj?

---

Petoj por la uzo de la Esperanto-Domo devas veni al la estraro de la Federacio de Nov-Sud-Kimrujo, ne al AEA, kiu ne posedas/prizorgas Esperanto-Domon. Roger Springer

---

## La federacio ATENDAS RESPONDON de EsperantoTV



## Esperanto-Domo en Sidnejo (AE 149)

Dimanĉon la 19an de Januaro 2014 11 venis
Interalie ni diskutis pri Esperanto-TV
EFNSK sugestis ke la TV-teamo povos uzi la kuirejon kiel studion.
Ĝi havas eksteran pordon kaj ili povos meti novan seruron sur ĝi sed la interna

pordo al Esperanto-Domo nur ŝloseblas je la flanko de Esperanto-Domo. Dum prova periodo iu ajn en la Esp doma flanko rajtos eniri kaj uzi la kuirejon. Aŭ ili povus konstrui novan simplan kuirejon en la granda ĉambro. Poste la nova studio povos esti uzata nur de la TV-teamo ĝis EFNSK petos la redonon de la prunteprenita ĉambro.

(mapo de Esperanto-Domo : vidu lastan paĝon de AE 149)

# SENDU NOVAĴON, FOTOJN DE VIA KLUBO

## Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/

# Ludo Esperanto el Brazilo

## Esperanto multobligas vortojn

trovis Roger Springer

http://www.esperanto.com.br/ludo

Saluton, Emilio Cid!



Gratulon pro via bela laboro cele al montro de luda trajto de la Internacia Lingvo Esperanto. Alloga rimedo, kiu amuze lernigas. La videoj estas bonegaj por instrui pri vortofarado kaj la fakto, ke ĝi estas parolata en pluraj lingvoj montras, ke Esperanto fakte estas natura lingvo por ĉiuj popoloj. Ĉiam, kiam mi havos oportunojn, mi prezentos la videojn al personoj kaj klasĉambroj. Daŭrigu tiaspecajn iniciatojn. Tio sukcesigos Esperanton en instruado kaj edukado.

Osmar da Silva Alves



## La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.

(la 24an de februaro estos nia jarkunveno)

## MEETUP meetup.com/Esperanto-in-Sydney/

Rainer petas vin registri je Meetup evento eĉ se vi ne partoprenos. Li deziras, ke la evento aspektu granda ĉar tio altiras aliajn homojn.
Amike, Dmitrij

# Tuj kunlaboru pri ekspozicio de Vintra Olimpio (fotoj)

( Sendis Katja)


西日本新聞
2014年2月16日（日曜日）
羽生「金」
フィギュア男子
フィギュアスケート男子で優勝し、日の丸を手に笑顔を見せる羽生結弦＝14日、ロシア・ソチ（AFP＝時事）

Estimataj kaj Karaj Esperantistoj en tuta mondo.

Mi estas japano, delegito de UEA, vidu paĝon 194 en Jarlibro 2013. Mia nomo estas HAŜIGUĈI Ŝigejuki, loĝas en urbeto Sue-maĉi, en gubernio Hukuoka-ken.

Mi supozas ke vi ĉiuj krom ĉefe rusianoj certe spektas televidajn programerojn pri olimpiaj ludoj. Mi planas okazigi ekspozicion pri fotoj sur ĵurnalo por propagandi Esperanton.


西日本新聞
2月15日 土曜日
2014年2月15日（土曜日）
羽生会心 頂へ
【ソチ共同】ソチ冬季五輪第7日の13日、フィギュアスケートの男子ショートプログラム(SP)で羽生結弦(19)＝ANA＝が101・45点をマークし、五輪のSPで日本勢初の首位に立った。14日夜（日本時間15日未明）のフリーで日本男子初の金メダルに挑戦。
羽生は4回転を含む3度のジャンプをほぼ完璧に決め、国際大会のSPで自身が持つ世界最高の99・84点を塗り替え、史上初めて100点を突破した。世界王者のパ
2014 ソチ冬季五輪
未明にフリー
歴代最高 100点超え
SPで首位に立った羽生は「今季を通して心のコントロールはできている。それが五輪でもできたらいい。心と体の一体がすごく大事」と勝負のポイントを挙げた。
震災乗り越え飛躍
2011年3月11日、仙台市内のスケート場で練習していて突然の揺れに襲われた。立つこともままならず、一緒に滑っていた先輩にしがみついた。波打つ氷の上から慌てて離れた。自宅も被害を受け、避難所では2畳ほどの狭い空間に家族4人で身を寄せ合った。「自分はスケートをしてい
ていたのは自分だった」と気付いた。このシーズンを機に躍進が加速した。
金妍児(韓国)をバンクーバー冬季五輪女王に導いたブライアン・オーサー・コーチに師事するため、2年前に海を渡った。カナダでの生活に初めは苦労したが英語も次第に理解できるようになり、今では海外メディアの取材にも応じられる。昨春には早大に入学し、文武両道を貫く。
フリーで演じるのは「ロミオとジュリエット」。震災直後のシーズンでも滑った「特
男子フリーに向けた公式練習で調整する羽生結弦＝ソチ（共同）

Por tio mi forte volas interŝanĝi fotojn sur via landa ĵurnalo. Mi sendas al vi foto-specimenojn kiujn mi skanis el japana ĵurnalo. Sam-maniere vi interrete sendu al mi foton aŭ skanitan bildon el via landa ĵurnalo. Nepre inkluzivu la NOMO-n de ĵurnalo. Post mia kolekto mi faros ttt-paĝon, tial vi libere povas uzi ĝin.

Atendas bonan helpon de vi.

Ĝis la ...

HAŜIGUĈI Ŝigejuki (HASHIGUCHI Shigejuki) hashi.juki@nifty.com